# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

31a jaro JANUARO-FEBRUARO 1979 N-ro 1




La Katedralo

# JAN LOK MORTIS

Du monatojn post sia 80a naskiĝtago, la 28-an de novembro 1978, la iama longjara sekretario kaj honora membro de IFEF, portanto de la Ora Medalo de la Ordo de Oranje Nassau kaj de la ora FISAIC-medalo, iris la vojon al la eterneco. Ne plenumiĝis niaj bondeziroj esprimitaj en "Internacia Fervojisto" 5/78 p. 66 en la fino de nia artikolo okaze de lia naskiĝtago.

Estis malgajiga momento, kiam ni eksciis pri la subite, tute ne atendita morto de nia malnova amiko. Kio estas dirinda pri lia vivo, tion vi trovas en IF 5/78. Hodiaŭ nur restas al ni la ebleco, adiaŭi Jan Lok por ĉiam. IFEF perdas en li unu el siaj plej aktivaj funkciuloj, kiu ankaŭ post sia 16jara estraraneco ne flankenŝovis sian intereson por la amata fervojista Esperanto-movado. Liajn principojn oni plej bone povas karakterizi per liaj propraj vortoj el la jaro 1948, kiujn ni citis en IF 5/78 p.54: "Ni kreu kamaradecon, solidarecon, reciprokan komprenon kaj toleremon". Laŭ tiuj maksimoj li vivis kaj plenumis sian oficon en IFEF. La hodiaŭa IFEF ne estus imagebla sen li. Jan Lok decide kreis la vizaĝon de IFEF, ebligante la membriĝon al ĉiuj fervojistoj sendepende de personaj konvinkoj, de konfesioj, ideologioj kaj aliaj diferencoj. Por li la interkompreniĝo en paco havis la plej altan rangon, sendube celo, por kiu valoras vivi. En la skribota historio de IFEF li trovos sian lokon.

Por hodiaŭ ni nur povas diri en la nomo de la tuta IFEF-anaro: Ni ne forgesos vin. Kaj plej bone ni povos honorigi la memoron je la estimata mortinto, se ni daŭre klopodas imiti lian agadon.

La prezidanto de IFEF, Joachim Giessner, kune kun la vicprezidanto W.v. Leeuwen, la prezidanto de nia nederlanda landa asocio FERN, J.J. Labordus, kaj aro da aliaj nederlandaj esperantistoj ĉeestis dum la encindriga ceremonio en Amsterdam, kondolencis al edzino kaj familio kaj trovis lastajn vortojn por la forpasinta amiko.

J. Giessner, prezidanto

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, konto 7353-350550 - DK 9800 Hjørring - DANIO




KONGRESAJ INFORMOJ.

PREZOJ
En ordinara hotelo oni postulas duoblan ĉambroprezon kompare kun Ikituuri Somera hotelo. Escepte en junulargastejo oni ne povas tranokti iom pli malkare ol en Ikituuri. La samo validas pri manĝoprezoj. En malgrandaj kafejoj aŭ trink-manĝejoj (ofte nomitaj "baari" en finna lingvo) oni povas ricevi grandan porcion je 10 markoj aŭ eĉ malpli, sed en mezklasa restoracio oni pagas duoble tiun prezon.

La urba trafiko estas nuntempe prizorgata nur per aŭtobusoj (oni ĉesigis tram-trafikon antaŭ kelkaj jaroj) kaj unu simpla veturo kostas aktuale 2 markojn.

PROGRAMO
La sabata prezentado estos ofertata de la finnlanda FISAIC-sekcio (VRHH) kaj destinita precipe al la ĉeestanta FISAIC-estraro, sed samtempe ankaŭ al IFEF-kongresanoj. Laŭ provizora skemo la programo ampleksos diversspecan muzikon, popoldancojn kaj prelegon pri finno-ugraj popoloj.

Aliflanke, la arta vespero marde estos pura Esperanto-aranĝo, kun teatraĵo prezentota far la pasintjare fondita Esperanto-Teatro de Finnlando kaj aliaj ne ankoraŭ fiksitaj programeroj (kantado, deklamacio).

GLUMARKOJ
La glumarkoj estas mendeblaj ĉe LKK, je prezo 5 FIM/folio (ampleksanta 16 markojn). Por pagoj en FIM oni povas ekde nun utiligi la poŝtan ĝirkonton n-ro 19916-0 kun indiko "Esperanto-Societo de Finnlandaj Fervojistoj: Kongresa konto", adreso laŭ aliĝilo: Hämeentie 70 D 63, SF-00550 Helsinki. Ni volonte akceptas pagojn en DEM (DEM 2,50/folio) sur la valutakonto indikita en la aliĝilo.

(Laŭ nia scio, pagoj per poŝta ĝirkonto eblas por sekvaj landoj: Belgio, Britio, Hispanio, Nederlando, Italio, Aŭstrio, Japanio, Norvegio, Francio, Svedio, Germanio FRG, Svisio kaj Danlando).

EKSKURSOJ

DUONTAGA EKSKURSO I:
Naantali (svede Nådendal) situas sur la okcidenta marbordo de Finnlando, je distanco de nur 16 km okcidente de Turku. Ĝi estas idilia kaj hejmeca marborda urbeto kun 7.000 loĝantoj, konata jam longe kiel centro de somerumado. Naantali estas unu el la plej malnovaj urboj en Finnlando. Ĝi malrapide evoluadis ĉirkaŭ la "birgitina" klostro aŭ pli bone dirite monaĥinejo, fondita ĉi-tie en la jaro 1443. Pilgrimantoj, turistoj de antikva tempo, komencis alfluadi ĉi-tien kaj tial oni bezonis loĝejojn, manĝejojn kaj trinkejojn. Ĉirkaŭ la klostro estiĝis baldaŭ urbeto, nomita Vallis Gratiae (valo de graco) laŭ la klostro.

La plej granda vidindaĵo estas la urbo mem, kun ĝiaj mallarĝaj stratetoj kaj verdaĵaj kortoj. La malnova urboparto elspiras romantikon de pasinteco, kiam oni ne konis urĝon nek modernajn trafikilojn.- De la klostraj konstruaĵoj restis ĝis la nuna tempo

nur la preĝejo, la vera kerno de la urbo.

Sur apuda insulo Luonnonmaa situas la somera rezidejo de la prezidento de la respubliko. Ĉi-tie troviĝas unu por finnlandaj cirkonstancoj unika parko- kaj florbed-areo, ampleksanta 15 hektarojn.

DUONTAGA EKSKURSO II:
La ekskurso ofertas eblecon konatiĝi kun parto de la arkipelago antaŭ Turku. La planita itinero formas rondon, el kiu preskaŭ la duono estas traveturota per motorŝipeto. Veturil-ŝanĝo okazas ĉe malgranda insulo (Stor-Mälö), kie tamen situas la Turisma Centro de Airisto (=marvastaĵo proksime de Turku). La ĉefloko sur la itinero estas la urbo Parainen (svede Pargas, sur insulo Ålö), kies areo ampleksas 261 $km^2$ da tero kaj 217 $km^2$ da akvo. La urbo nuntempe nombras 11.000 loĝantojn. En Parainen troviĝas mezepoka preĝejo, tipa ekzemplo de tiatempaj grizŝtonaj preĝej-konstruaĵoj. En ĝi kaj en la apuda preĝeja muzeo oni povas vidi interesajn malnovajn pentraĵojn kaj memoraĵojn (ekz. biblio de Per Brahe, ĝeneralguberniestro de Finnlando 1637-40 kaj 1648-54). Ankaŭ alispeca "hejmregiona muzeo" estas vizitinda, kun pluraj apartaj muzeaj dometoj. En unu el ili (nomita Kirjala) tranoktis Lenin dum sia fuĝo okcidenten en 1907. - Kalkŝtonon oni elrompis ĉi-tie jam de praaj tempoj. En la jaro 1898 fondiĝis moderna kalkominejo kaj ties rapida evoluo multe kontribuis al ekflorado de la urbeto. La malferman kalkŝtonminejon oni povas ririgardi el la vojo ĉirkaŭiranta ĝin. Inter Parainen kaj Turku nia itinero kondukas tra verdaĵaj insularaj pejzaĝoj kaj trapasas tri mallarĝajn markolojn helpe de pontoj, kies unu estas la plej longa pentponto en Finnlando.

TUTTAGA EKSKURSO:
Almenaŭ por interesitoj pri malnovaj fervoj-aĵoj la ĉefa programpunkto dum ĉi-tiu ekskurso estos la konatiĝo kaj veturo per la muze-fervojo Jokioinen-Minkiö (restaĵo de malnova etŝpura - 75 cm - fervojo Humppila-Forssa). Pri tiu fervojo la LKK donos pliajn informojn en alia konekso. Ĉifoje ni nur almetas unu foton de trajno sur la linio.

Cetere ni vizitos la urbon Hämeenlinna (svede Tavastehus), kun ĝia malnova kastelo (el la komenco de la dekkvara jarcento) kaj la konatan turistcentron Aulanko, plie vitrofandejon kaj -muzeon kaj, depende de la vetero, naturbelan popolparkon.



## VOJAĜO AL LA KONGRESURBO TURKU

Tiuj kongresanoj, kiuj el okcidenta kaj suda Eŭropo ne prenas la tradiciajn vojojn tra Svedio al Turku, havas la eblecon uzi la pramŝipon "Finnjet" inter la germana haveno Lübeck-Travemünde Hafen kaj la finna haveno Helsinki. La ŝipo forlasas la skandinavian kajon ĉiun duan vesperon, do la 11-an, 13-an kaj 15-an de Junio, je la 18.00 h, kaj alvenas la sekvan vesperon je la 17.30 h. La reveturo komenciĝas ekde la haveno Helsinki la 21-an, 23-an, 25-an ktp. de Junio je la 19.00 h. kaj finiĝas la sekvan tagon je la 16.00 h. Por la veturo de Helsinki al Turku la fervojo bezonas ĉ. 3 horojn.

La ŝipkompanio donas al la kongresanoj rabaton, se ili turnas sin en germana, franca aŭ angla lingvo al la centra rezerviga oficejo "Finnlines GmbH, Dornestr. 56, D-2400 Lübeck" (telefono 0451/881333). La mendo devas enhavi "Esperanto-Kongress Turku".

La antaŭmendo de kajutaj litoj estas deviga. La prezoj por veturo kaj loĝado, tamen sen manĝoj, estas en germanaj markoj (DM) la sekvaj:

| | tien | tien kaj reen |
|---|---|---|
| KATEGORIO A | | |
| kajuto de 12 m$^2$ kun 1-4 litoj, fenestro, necesejo, duŝo, telefono, radio: | | |
| por la unua persono | 294 | 498 |
| por la dua ĝis kvara persono | 147 | 248 |
| KATEGORIO B | | |
| kajuto de 8 m$^2$ kun 2 litoj kaj simila komforto, sed sen fenestro: | | |
| po persono | 234 | 398 |

Kiu deziras uzi unu el tiuj kajutoj nur por unu persono, devas pluspagi.

| | tien | tien kaj reen |
|---|---|---|
| KATEGORIO C | | |
| kajuto de 4 m$^2$ kun 4 litoj sen kromaj instalaĵoj | 140 | 238 |

La relative altajn prezojn kompensas luksa ekipaĵo de la ŝipo, ekz. manĝo- kaj dancosalonegoj, naĝejo, saŭno, nokta klubejo, butikoj ktp.

Pluajn demandojn aldonante unu resp. kup. vi povas direkti al

s-ro W. Barnickel,
DB, Zentrale Verkaufsleitung,
Rhabanusstr. 3,
D-6500 Mainz.

# La 31a IFEF-KONGRESO

## KONGRESPROPONOJ

Propono n-ro 1.
F.E.R.N. proponas ŝanĝi la Statuton kaj la Ĝeneralan Regularon de IFEF aprobitajn 11.05.1972.

paragrafo 23 tekstu jene:
Voĉdonado.

(1) Por decidoj validas la plimulto de la "por" kaj "kontraŭ" esprimitaj voĉoj.

(2) Decidoj en kunvenoj, en kiuj partoprenas en voĉdonado malpli ol la duono de ĉiuj voĉdonrajtaj komitatanoj aŭ de la tuta estraro, devas esti denove submetataj al voĉdonado en alia kunveno, en kiu por decidi sufiĉas la plimulto de la "por" kaj "kontraŭ" esprimitaj voĉoj.

(3) Proponoj, kiuj skribe estas senditaj de la ĉefkomitatano al la komitatanoj nur povas esti decidaj kiam pli ol la duono de ĉiuj voĉdonrajtaj komitatanoj partoprenas en la voĉdonado.

(4) Ĉe voĉegaleco propono estas konsiderata kiel malakceptita.

(5) Por ŝanĝi la Statuton aŭ por likvidi la Federacion ĉiam necesas, ke du trionoj de ĉiuj voĉdonrajtaj komitatanoj partoprenas en voĉdonado kaj ke du trionoj de la esprimitaj voĉoj estas "por".

(6) Pri personoj oni voĉdonas en kunvenoj sekrete kaj skribe.

Ĝenerala Regularo.
al (3) Plej malfrue unu monaton post la limdato de skriba voĉdonado, la ĉefkomitatano forsendas cirkuleron pri la rezultato al la estraro kaj la komitatanoj.

Komentario: La kaŭzo, ke ni ensendas ĉi tiun proponon estas la nekontentiga malakcepto de la du proponoj en la 30a IFEF-kongreso en Romo. La miskompreno estas niaopinie kaŭzita pro la neĝusta kompreno pri la vorto "sindeteno".
Pri la vorto "sindeteno" ni legas en P.I.V., paĝo 1098:
"La fakto, ke oni ne partoprenas en ia komuna agado".
En nia okazo, la 7 kaj 4 sindetenintoj ne partoprenis en la voĉdonado, do ankaŭ la nombro ne povis influi la voĉdonadon. Do fakte ambaŭ proponoj estus akceptitaj, ĉar ankaŭ la dua frazo de paragrafo 23 ne aplikiĝas, ĉar partoprenis pli ol la duono de la voĉdonrajtaj komitatanoj en la voĉdonado.
Por eviti estontece ĉian miskomprenon, ni proponas la ŝanĝon.

Propono n-ro 2.
La IFEF-estraro proponas altigon de la federacia kotizo al 17 danaj kronoj po membro, valida ekde la 1a de jan. 1980.

Komentario: Post la malakcepto de la kotizaltigo en Romo, necesas nun pli urĝe altigi la kotizon. Alikaze, ni baldaŭ estos tute sen kapitalo. Post la aranĝo kun la dana presejo, la kaso nun povos elteni malpli grandan altigon.

Propono n-ro 3.
Nome de la FFEA-estraro, la prezidanto ROBIOLLE proponas apartigi la abonon al "I-F" disde la kotizo al IFEF.

Komentario:

A - KOTIZO AL IFEF
La landaj sekcioj pagus al IFEF malgrandan kotizon, ekz. 4 dkr, por

ĉiu el siaj registritaj membroj (aktivuloj, emeritoj, lernantoj, familianoj, k.t.p.), kiuj tiamaniere estus membroj de IFEF.

La sumo enkasigita de IFEF estus uzata nur por la diversaj elspezoj koncerne la viv-tenadon de la Federacio (do, krom la elspezoj pri "I-F").

B - ABONO AL "I-F".

Tiu abono estus tute sendependa de la kotizo. La abono-prezo estus fiksita de IFEF laŭ realaj elspezoj de la presado kaj sendokostoj. Ĝi estus aparte pagita de la interesatoj. La landaj sekcioj povus ludi la rolon de perantoj por la enregistrado, grupigo de la abonoj, ĝiro de la sumo al IFEF, k.t.p., same kiel oni nun faras por aliaj revuoj: ESPERANTO, HEROLDO, JUNA AMIKO, PACO kaj aliaj.

Estus dezirinde, ke la Federacio mem sendu la bultenon "I-F"; tamen, laŭ la eblecoj, la landaj sekcioj povus prizorgi la unuopan sendadon, sed ĉiaokaze la sendokosto estos pagita de IFEF.

Avantaĝoj.

1. En Romo, la komitato ne akceptis la kongres-proponon n-ro 2, kiu temis pri plialtigo (je 50 %) de la kotizo. La nova propono entenas taŭgan solvon al tiu malagrabla situacio.
2. La nombro de la membroj ĉe IFEF multe plialtiĝus kaj tiu rezulto donus tre favoran impreson al FISAIC kaj UEA.
3. Se oni konsideras ke, de antaŭ pluraj jaroj, la budĝeto de IFEF estas devigata inkluzivi la elspezojn por "I-F" - kio estas kaŭzo de la deficito - oni povas dedukti, ke tiu logika nova agad-maniero nuligas ĉiuspecan deficiton kaj donas al IFEF sufiĉe grandan profiton.

Noto:

La nombro de la komitatanoj estus, kompreneble, proporcia al la membro-nombro en "A" ĉi-supre kaj ne nur al la nombro de la abonantoj.

Propono n-ro 4.

La IFEF-estraro proponas: Aldoni al Ĝen.Reg. al (2) de paragrafo 22, novan kvaran alineon kun jena teksto: "Pri proponoj principe estas decidite laŭ ties origina teksto. Tamen, se dum la traktado evidentiĝas, ke konvenus al la federacio, fari plibonigajn modifojn sen ŝanĝi la esencon de la propono, tiam amendo estu allasata."

Komentario: Baziĝas sur protokolo de plenkunsido Tarragona pkto 7, kongrespropono 3. Estas necese, post 5 jaroj transpreni tiun decidon en la statuton.

Propono n-ro 5.

La IFEF-estraro proponas: Aldoni novan alineon al paragrafo 15 (2): Landa asocio, kiu mem faras proponon por la kongresa tagordo, sed neniun povas delegi al la kongreso, rajtas peti alian landan asocion aŭ la estraron, defendi la proponon.

Komentario: Kiel pri supra kongrespropono n-ro 4.

Propono n-ro 6.

La IFEF-estraro proponas: En aldono II (Kongresa Regularo) cif. (17), 4a linio: ŝanĝi "la duono" en "75 %".

Komentario: La procentaĵo de emerituloj inter la kongresanoj konsiderinde plialtiĝis. Pro tio, la LKK-oj havas pli kaj pli da malfacilaĵoj financigi siajn kongreselspezojn, ĉar granda parto de la kongresanoj pagas nur duonan kotizon. La propono do plifaciligos la laboron de estontaj LKK-oj same kiel ĝi ebligos pli bonajn servojn por la kongresanoj.

Propono n-ro 7.
La IFEF-estraro proponas: Statuto paragrafo 16, linioj 4-6.
La tria frazo de la paragrafo estu forstrekata.

Komentario: Estas afero de la landa asocio aŭ de sekcio intertrakti kun sia komitatano. Pro tio tiu frazo superfluas en la IFEF-statuto.

Lucien de Sutter,
la ĉefkomitatano.

## TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 31-a IFEF-KONGRESO

Kunsido Estraro/komitato
(nepublika)

1. Malfermo, konstato de mandatoj.
2. Elekto de ĉefkomitatano.
3. Honorigoj.
4. Diskuto kongresproponoj.
5. Diskuto budĝeto 1980.
6. Situacio en diversaj landoj.
7. Diskuto pri venontaj kongreslandoj.
8. Produktado de IFEF-insignoj.
9. Eventualaĵoj.

Plenkunsido en 2 partoj.
(publikaj)

1. Malfermo, konstato de mandatoj.
2. Ricevitaj telegramoj kaj leteroj.
3. Raportoj estraraj
   3.1 de sekretariino
   3.2 de redaktoro
   3.3 de kasisto
4. Protokolo Romo.
5. Raporto pri komitata laboro.
6. Resumo pri raportoj landaj asocioj.
7. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj.
   7.1 Terminara Komisiono
   7.2 Fakprelega Komisiono
   7.3 Historio-Komisiono
   7.4 Koresponda Servo
   7.5 Komitatano A de UEA
8. Laborplano
9. Rilatoj al aliaj organizaĵoj
   9.1 UEA ĝenerale
   9.2 UK Luzern, Fakprelego, Kontaktkunveno
   9.3 FISAIC
   9.4 Radio-amatoroj
10. Kongresproponoj
11. Budĝeto 1980.
12. Adopta kaso.
13. Elekto de kongresloko'80 kaj lando '81.
14. Internacia Skisemajno '80.
15. Eventualaĵoj kaj libera diskutado.

Tagordo por la kunsido de la Fakprelega Komisiono.

1. Raporto pri la pasinta laborperiodo.
2. Preparoj por la 32-a kongreso de IFEF.
3. Internacia kunlaboro kaj kompetentoj.
4. Propono de kandidatoj por novelekto de komisionestro kaj sekretario.
5. Diskuto kaj instigoj.

Willi Brandenburg
gvidanto.

Tagordo por la kunsido de la Terminara Komisiono.

1. Diskuto pri la jarraporto.
2. Elekto de gvidanto kaj sekretario.
3. Diversaĵoj.
4. Traktado de dubaj terminoj.

Gernot Ritterspach, sekretario.

Kompilis ĉefkomitatano Lucien de Sutter.

## RAPORTO DE LA KASISTO POR LA JARO 1978.

| Enspezoj: | | da. kronoj | Elspezoj: | da. kronoj |
|---|---|---|---|---|
| Kotizoj | 30.203,98 | | Internacia Fervojisto | 28.250,53 |
| adoptaj | 168,00 | 30.371,98 | Estraraj kunsidoj | 2.829,55 |
| Kotizoj nepagitaj | | 1.800,00 | Administrado | 3.384,50 |
| Rentumoj | | 657,48 | Kotizoj UEA kaj SAT | 383,97 |
| Japana Fonduso | | 288,00 | Reprezentado | 1.384,17 |
| | | 33.117,46 | Japana Fonduso | 288,00 |
| Plielspezoj | | 5.066,50 | Diversaĵoj | 1.663,24 |
| Sumo | | 38.183,96 | | 38.183,96 |

## BILANCO JE LA 31.12.1978.

| Aktivoj: | da. kronoj | Pasivoj: | | da. kronoj |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | 1.394,35 | Kongresa Garantia Fonduso | | 11.162,27 |
| Poŝtĝiro | 3.419,69 | | | |
| Konto Provinsbanken | 6.154,52 | Jubilea Donacaĵo | | 1.907,75 |
| Konto Praha | 2.407,26 | Havaĵo 1.1.1978 | 28.653,35 | |
| Kontoj Romanshorn | 21.480,05 | Havaĵmalpliigo | 5.066,50 | |
| Nepagitaj kotizoj | 1.800,00 | Havaĵo 31.12.1978 | | 23.586,85 |
| Inventaro | 1,00 | | | |
| | 36.656,87 | | | 36.656,87 |

Tolne la 10-an de februaro 1979

La kasisto:

H. Hauge

Århus la 14-an de februaro 1979

La revizoroj:

F.G. Nielsen

I. Kensing

S.A. Hvass



## REDAKTORA RAPORTO

La jaro 1978 estis grava por nia bulteno, ĉar ĝia vizaĝo iomete ŝanĝiĝis.

Memoru: ĝia presisto estis franca de n-ro 3/74 ĝis n-ro 2/75; poste ĝi estis nederlanda de n-ro 3/75 ĝis n-ro 2/78; nun ĝi estas dana ek de n-ro 3/78.

Jes, s-ro Nevan el Rotterdamo, kiu laboris por ni dum 3 jaroj, forlasis Nederlandon kaj trovis laboron en Usono. Nia kontrakto kun li do finiĝis.

Tre bedaŭrinda fakto, ĉar kvazaŭ unuanime ni laŭdis lian bonegan laboron. Tamen estis por ni okazo trovi pli malmultekostan manieron eldoni nian organon. Ĝis nun IF kaŭzis gravajn zorgojn al IFEF kaj speciale al la kasisto pro ĝia alta kosto. Kaj, ĝuste ĉar la kasisto estas koncernanto, li mem trovis novan presiston en Danio.

Do, ek de n-ro 3/78 IF estas farita en Aarhus, kaj ni povas esperi, ke tio alportos gravan helpon al la financoj de IFEF.

Koncerne la aspekton de la bulteno, eble vi rimarkis kelkajn detalajn ŝanĝojn sed, vere, ili ne estas tro gravaj, kaj ni esperas, ke IF daŭre konvenos al vi. Ĝis nun mi ne aŭdis pri plendoj kaj pensu, ke .... la malnova problemo de la "multekosta" papero fine estas solvita.

Pri la enhavo, kompreneble, la transpreno far nova presisto ne devas influi, eĉ se la korektado estas nun farita en la lando de la presisto.

Mi ne ripetos ĉiun jaron, ke ĉiam mankas informoj el certaj landaj sekcioj. Miaj antaŭaj alvokoj ne sukcesis veki la silentemajn kolegojn. Ili do daŭre mutu .... dum mi kore dankas tiujn, kiuj ne forgesas "nutri" nin.

Fine, mi volas je la nomo de niaj legantoj kaj je mia propra nomo tutkore danki ankaŭ niajn nederlandajn amikojn, kiuj - en Rotterdamo aŭ alie - tiom sindoneme kaj kompetente zorgis dum 3 jaroj pri la korektado, la presado kaj la forsendado de nia IF, je la kontentigo de ĉiuj.

La redaktoro.

## APERIS LA FRANCA-ESPERANTO FERVOJA LEKSIKONO

Laŭ la evidenteco, s-ro André Blondeaux antaŭ kvin jaroj anoncis la preparon de iom pli ampleksa terminareto. Siavice post la unua germana kaj la sekvintaj hungara, norvega, jugoslavia, nederlanda kaj sveda, la 14-an de aŭgusto 1978, aperis ankaŭ la franca. Kiel gvidanto de Terminara Komisiono ĉe IFEF, kaj en mia propra nomo, mi esprimu mian sinceran gratulon al la aŭtoro por lia 5200 terminojn enhavanta verko. Sed gratulon meritas ankaŭ lia ĉefa kunhelpanto s-ro Jean Bipp, la svisa terminara kunlaboranto, kun kies reviziado de konsideritaj terminoj efektiviĝis la eldono de vere impona kvanto de terminoj. Apartan gratulon ili meritas ankaŭ pro la respekto de laboroj, kiujn faris la ĝisnunaj fervojfakaj pioniroj. Domaĝe nur, ke al sufiĉe granda listo de ili, oni povas dediĉi la verkon nur postmorte.
El la tuta kvanto de prezentitaj termi-

noj 4700 oni povas reserĉi kun plena sukceso en seslingva LEXIQUE GENERAL. La ceterajn terminojn - markitajn per antaŭmetitaj du sinsekvaj punktoj - la aŭtoro prenis el aliaj fontoj. La lerta interna numerado de terminoj en la franca-Esperanto-parto, kaj la indeksumado en la Esperanto-parto ebligis priŝparon de proksimume 50 paĝoj. En la tria parto meritas atenton la listo de internaciaj organizoj kaj la organigramo de SNCF en Esperanto. Trovis lokon ankaŭ unu paĝo da skemoj de trak-aparatoj, kvazaŭ heroldante la vojon al ilustrita fervoja terminaro. Domaĝe, ke sur lastaj du paĝoj inter la nocioj pri la internacia lingvo Esperanto, la ekzempla demonstrado ne estis prenita el stoko de fervojfakaj terminoj.

Inĝ. Ludoviko Sekereŝ.

# Esperanto kaj Eŭropo

Pri la interparlamenta grupo "Amikoj de Esperanto" en Italio kaj pri parlamenta agado internacia.

Kiel konate, pere de la 30a IFEF-kongreso en Romo, la organizantoj sukcesis starigi en Italio interparlamentan grupon de "Amikoj de Esperanto".

Ĝi estis mirinda rezulto, se oni konsideras, kiom drama estis la politika situacio de la lando dum la preparlaboroj de la kongreso.

Sed de tiam, la dirita situacio ne multe pliboniĝis, kaj tio certe malhelpas la agadon de la parlamenta grupo, kiu ne multe povis konkludi, malgraŭ la penoj de ĝia prezidanto, senatano Alberto Del Nero. Tamen, ni ne perdas la esperon en estontaj atingoj, ankaŭ ĉar la nombro de la aliĝintoj al la grupo daŭre kreskas. Nun ili estas 53 (44 en majo). Menciinde estas, ke 4 membroj de la grupo prezentis ĉe la Eŭropa Parlamento la dokumenton 178/78, per kiu oni proponas la adopton de Esperanto kiel laborlingvon de la Eŭropa Ekonomia Komunumaro.

Tial oni varme petas, ke la eksterlandaj esperantistoj (fervojistoj aŭ ne) de la landoj de la Komuna Merkato, skribu aŭ kontaktu persone siajn parlamentanojn por instigi ilin favori la akcepton de la itala propono.

Krome mi informas, ke senatano Del Nero intencas starigi internacian interparlamentan grupon de "Amikoj de Esperanto". Kompreneble, por atingi tiun rezulton estas necese, ke kelkaj eksterlandaj parlamentanoj akceptu esti membroj de la starigota grupo.

Nu bonvolu urĝe kontakti viajn parlamentanojn por scii, kiu el ili akceptus membriĝi al la internacia grupo, kaj poste skribu al mi nomojn kaj adresojn de tiuj favoraj.

Tuj senatano Del Nero sendos al ili oficialan inviton aliĝi al la starigota grupo.

Mia adreso: Alberto Menabene
Via Monti Sibillini 3
I-00141 Roma



La ĉefministro de Italio Hon. Giulio ANDREOTTI skribis jene rilate al la "LINGVA PROBLEMO POR EŬROPO"

Emblemo de Itala Respubliko

La Prezidanto de la Ministeria Konsilio.

Roma, la 20-an de novembro 1978-a

Estimata s-ro Menabene,

Mi ekzamenis kun intereso vian leteron de la 3-a sammonate, per kiu vi antaŭvidas la uzadon de Esperanto kiel komunan duan lingvon por la eŭropaj popoloj.

Kiam la eŭropa unuiĝo - per la starigo de Parlamento elektita per universala kaj rekta voĉdonado - atingas kontentigan sukceson, la lingva problemo fariĝas pli kaj pli aktuala kiel rimedo por sekvigi la unuiĝon de la popoloj al tiu de la ŝtatoj.

Do mi observas kun aparta intereso tion, kio estos farata por funde esplori la problemon de Esperanto, kiel krucpunkton por akordigo de la eŭropaj idiomoj, en la kadro de la Eŭropa Parlamento, kiu, siavice, reprezentas la kruc-punkton kaj la harmonian sintezon de la volo de la Eŭropaj Popoloj.

Akceptu miajn plej korajn salutojn

Giulio Andreotti

# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

- Italio -

Semajno de homaj rajtoj kaj Esperanto en Bologna.

Por memorigi la Semajnon de Homaj Rajtoj kaj Esperanton en Bologna, la I.F.E.A. (Itala Fervojista Esperanto-Asocio) kune kun la Bologna Esperanto-Grupo "Achille Tellini" starigis plurajn renkontiĝojn.

Sabate la 16-an de decembro ĉe la sidejo de la Bologna Esperanto-Grupo, post la gaja kant-prezentado fare de la geknaboj de la Mezgrada lernejo "Graziano" (direktataj de profino Codicé), kiuj kantis plurajn kanzonojn en Esperanto, s-ino Anna Maria Cantelli memorigis nian Majstron d-ron Zamenhof, per "Pensoj rilate al la vivo de Zamenhof" legante ankaŭ fragmentojn de lia vivo kaj verkaro.

Dimanĉe, la 17-an de decembro, ĉe la klubo "Panzieri" (urba kultura organizaĵo), d-ro Luigi Tadolini, parolis pri "La Homaj Rajtoj kaj la lingvaj diskriminacioj." D-ro Tadolini menciis la debaton okazintan, ĝuste hieraŭ, en Forlì rilate al la venonta elekto de la Eŭropa Parlamento, dum kiu li intervenis diskonigante la neceson, por Eŭropo, havi komunan duan lingvon.

La Bologna celebrado finiĝis la 19-an vespere ĉe la sidejo de "D. L. F. - Dopolavoro Ferroviario" (Postlaboreja Fervojista Klubo) en kies salonoj, kie okazas la Esperanto-kursoj, renkontiĝis la gesamideanoj por festi nian Majstron kaj la Homajn Rajtojn kaj interŝanĝi bondezirojn por la venontaj kristnaskaj kaj novjaraj festoj.

Kiel lasta informo: Jam de du semajnoj ĉe privata radio: "Bolognaj Informoj" komenciĝis Esperanto-kurso, fare de tri junaj lokaj geesperantistoj. La kurso okazas dufoje po semajno, lunde vespere kaj merkrede posttagmeze.

IFEA.

## "HEROLDO" TRANSLOKIĜOS AL MADRIDO

En sia 58-jara ekzistado, "Heroldo" nur dufoje ŝanĝis la eldonlandon: unuafoje en 1936, kiam - antaŭvide al naziaj persekutoj - la fondinto, Teo JUNG, forlasis Kolonjon kaj instalis la gazeton en Hago (Scheveningen); duafoje en 1962, kiam la redaktadon transprenis s-ino Ada Fighiera-Sikorska, loĝanta en Bruselo.

Nun la familio Fighiera translokiĝos al Madrido, kaj "Heroldo" sekvos ilin. La kaŭzo estas, ke s-ro Gian Carlo Fighiera, prezidanto de la laŭleĝa senprofitcela societo, kiu eldonas la gazeton, akceptis novan postenon en la hispana ĉefurbo, ĉe interregistara organizaĵo, apartenanta al la familio de la Unuiĝintaj Nacioj: lia unua tasko estos prepari la Mondan Turisman Konferencon, kiu okazos en Manila en 1980.

La hispana epoko de "Heroldo" komenciĝos en aprilo aŭ majo 1979. Nenio ŝanĝiĝos en la aper-ritmo: ĉiuj 17 numeroj kaj la aldonaj suplementoj regule sekvos unu la alian: aparta klopodo estos farita por plibonigi la enhavon, i.a. per enkonduko de nova lingvo-rubriko por progresintoj.

La eldon-planoj ricevos novan svingon, ĉar la eldonejo "Heroldo" specialiĝos en la eldonado de altkvalitaj nacilingvaj Esperanto-lernolibroj, verkataj laŭ modernaj pedagogiaj kaj metodologiaj konceptoj de spertaj esperantistaj lingvo-instruistoj.

La du unuaj, nun finverkataj, estos angla kaj franca lernolibroj de William Auld kaj Emil Van Damme. La kvara eldono de "Paŝoj al plena posedo" de W. Auld, la furora progresiga antologia lernolibro, estas nun preparata.

Do, la translokiĝo al Madrido praktike nenion ŝanĝas ĉe "Heroldo de Esperanto", escepte de tio, ke ĝi donos al ĝi novan vivon, novan impulson.

\- o - o - o -

## NI RIDU

Vojaĝanto al trajnestro: "Kara sinjoro, prenu kiel signon de mia danko cigaron. Dum multaj jaroj mi jam veturas ĉi tiun linion. Hodiaŭ la unuan fojon la trajno estas preciza."

Trajnestro: "Sinjoro, tio estas bona cigaro, kaj mi estas pasia fumanto. Tamen mi ne povas preni ĝin sub malĝustaj kondiĉoj. Tio ne estas la trajno de hodiaŭ - ĝi estas tiu de hieraŭ."

\- o - o - o -

\- "Paĉjo, ĉu vi ion kunportis de la vojaĝo al mi?"

"O, bedaŭrinde mi tion forgesis."

"Tio nun estas la konsekvenco de mia brava konduto. Kiun ajn stultaĵon mi estus povinta fari dum via dutaga foresto."

\- o - o - o -

# MI LEGIS POR VI

En la oficiala bulteno de Korea Esperanto-Asocio mi legis artikolon, kiu laŭ mia opinio estas tiom instrua, ke valoras publikigi ĝin ne nur por novaj lernantoj, sed por ĉiuj korespondantoj, - jen:

"Bonaj konsiloj al nova korespondanto.

.... Kelkajn bonajn konsilojn mi deziras doni al nova esperantisto. Ne komencu korespondi antaŭ ol vi lernis la tutan gramatikon de Esperanto aŭ almenaŭ demandu vian instruiston, ĉu ŝajnas al li, ke vi povas prezenti vian kapablon antaŭ eksterlandano. Oni nome ricevas multajn leterojn kaj precipe poŝtkartojn, kiuj montras, ke la sendanto ankoraŭ ne legis la tutan lernolibron. Similaj skribaĵoj ne faras bonan impreson al la leganto, kaj la skribanto riskas, ke li ne ricevos respondon.

Kiam vi serĉas eksterlandan korespondanton, ne serĉu nomojn, kiuj staras sub artikoloj en gazetoj aŭ kiujn oni priparolas kiel gvidantajn personojn en la diversaj landoj: ĉiu delegito aŭ prezidanto de klubo, kies nomojn vi vidas en la diversaj jarlibroj jam havas sufiĉe da korespondado, ili ne havas tempon korespondi kun tute nova esperantisto. Serĉu adresojn en la gazetoj sub la kolono: Oni deziras korespondi. Se ne la nacio aŭ la temoj de la anoncantoj plaĉas al vi, sendu mem anoncon al la gazeto, kaj vi certe trovos la ĝustan korespondanton.

Regulo, kiun vi ĉiam devas sekvi, kiam vi skribos al eksterlando, estas: skribu legeble vian nomon kaj adreson. Multaj homoj subskribas kun siaj kutimaj manskriboj kaj samtempe stampas nomon kaj adreson per kaŭĉuka stampilo.

Skribu komence ne tro longajn skribaĵojn kun miloj da demandoj. Skribu viajn specialajn interesojn, kiujn vi deziras diskuti kun eksterlandano kaj demandu, ĉu li havas samajn interesojn aŭ ĉu li proponas alian temon.

Respondu ĉiam alvenintajn leterojn.

Se vi estas komencanto kaj ne sufiĉe perfekta en la lingvo, petu antaŭe pardonon pro faritaj eraroj. Petu lin korekti ilin aŭ atentigi vin pri ili, tio estas bona helpo. Demandu, ĉu li komprenas vian stilon. Tiamaniere vi lernas esprimi vin internacie. Tia korespondado povas esti reciproke tre utila. En la klubo diskuti ricevitan leteron estas ankaŭ tre utila, oni lernas la esprimmanieron de aliaj nacioj, kaj oni vidas pli facile la erarojn de aliaj personoj ol siajn proprajn kaj fariĝos pli atenta, kiam oni mem skribas kaj ne faras la samajn erarojn.

Ne forgesu sufiĉe afranki la leteron, atentu la pezon de la letero. Memoru, ke en kelkaj landoj oni ne permesas gluadon de poŝtmarkoj sur la bilda flanko de poŝtkartoj. Kolektantoj de poŝtkartoj uzas ilin por ekspozicioj por montri, ke troviĝas esperantistoj en ĉiuj landoj.

Memoru, kiam vi petas vian korespondanton havigi al vi gazetojn aŭ aliajn objektojn, ke vi devas pagi liajn elspezojn. Por personoj, kiuj ofte estas petataj pri servoj, eĉ malgrandaj elspezoj ludas rolon. Malgrandajn monsumojn oni plej facile sendas per internaciaj respondkuponoj, haveblaj en la poŝtoficejo. Ili valoras la afrankon de letero al ek-

eksterlando.

Havigu al vi korespondantojn en multaj plej diversaj landoj."

La sekretariino

---

SE AŬSKULTAS LA ANIMO.

Ĉio lingvon havas
se aŭskultas la anim'
eĉ murmuro gravas
pro ĉi lingvo kaj esprim':
foliar' sur tero
babiladas kun fervor'
akvo de l' rivero
laŭtparole ondas for,
vent' kaj nub' tremetas
pro la sankta di-pied',
klare interpretas
pri l' kaŝita Vort' kaj Kred' ...

Ĉio lingvon havas ! ! !

Steenhout (BEFA)

---

Fervojisto ĉiam ricevas ion ....... !



# NEKROLOGOJ

Hungario.

Post longa malsano mortis la 8-an de novembro 1978

D-ro Anton Fülöp, Budapest.

Al la edzino, nia longjara amikino Ŝari, ni esprimas sinceran kondolencon.

Germanio.

La 6-an de oktobro 1978 mortis en Essen

Fritz Behnke (71).

Grava malsano ĉesigis sian aktivecon por nia movado.

Ni funebras kune kun la familio.

IFEF

---

REKOMENDINDAJ KULTURAJ ARANĜOJ

SOMERO 1979

en la Esperantista Kulturdomo Kastelo Grésillon, F-49150 Baugé, Francio.

Prelegoj, lingvostudado, teatra laboro, diskutoj, ekskursoj
de lundo 2a de julio ĝis sabato 21a de julio.

Kursoj, lingvostudado, manlaboroj, ekskursoj
de lundo 23a de julio ĝis sabato 11a de aŭgusto.

Artlaboroj de lundo 13a de aŭgusto ĝis sabato 1a de septembro.

- La aliĝintoj, kiuj ne deziras restadi dum tuta periodo, devos tamen alveni iun lundon kaj foriri iun sabaton.

Aliĝkotizo: postulata de ĉiu ĉeestanto ek de la 16a jaro, ĝi pagas la kulturajn aktivaĵojn. Ĝi ne estas repagebla. Ĉambro aŭ lito estas rezervita nur post ricevo de tiu aliĝkotizo.

Pasko: 25 ff

Somero: unu semajno aŭ malpli: 25 ff
pli ol unu semajno: 5o ff

---

# Gravaj Enhavaĵoj

paĝo



---

La redaktofino por la venonta IF estas 10.3.1979

Grafika kaj teknika prizorgo: Esperanto-Centro Aarhus